# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 20/10/2016 Ducentnaŭdekdua eldono 20/10/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **569,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

La novaĵletero 'Aŭstraliaj Esperantistoj' subtenas liberan sinesprimon kaj honestajn kaj senkaŝajn artikolojn. Sed ni rezervas la rajton modifi aŭ forigi viajn komentojn se ni konsideras ilin ofendaj aŭ tro malrespektaj

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Karaj kontribuantoj. Sen vi, AE ne povas ekzisti

Merkredvespere mi sendas la novaĵleteron al la provlegantino por kontroli la lingvon kaj elsendas al la legantoj dum Ĵaŭdo. Uzu ĝin por la reklamo de viaj semajnfinaj eventoj. Poste informu pri la sukcesoj de viaj kunvenoj en la sekvanta "Aŭstraliaj Esperantistoj" por montri ke viaj kluboj ekzistas kaj aktivas.



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Se oni ne sendas informon al AE, tiu novaĵo ne povas aperi en AE**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Reklamu viajn klubkunvenojn ĉi tie. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au

Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro





★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Kelkaj penseroj miaj.



1. Mi opinias ke ni, aŭstralianoj, estas vandaloj. Ja imagu: Ni ne rajtas forhaki kaj mortigi sanan arbon en niaj ĝardenoj. Sed ni rajtas, kaj faras, fordetrui kaj



mortigi sanan domon sur nia terpeco. Same kiel arbo estas posedanto de beleco kaj arĥitekturo kaj historio, same domo posedas historion kaj arĥitekturon, kaj estas parteto de nia kulturo. Same kiel sana arbo havas utilon, purigi nian malpuran aeron, tiel same nekaduka domo havas utilon, povi enloĝigi homojn. Tamen domon oni rajtas mortigi, kun siaj utilo kaj kulturo kaj belaj aŭ malbelaj historio kaj arĥitekturo.



2. Ĉu pro kapitalismo? Kelkiuj diras, ke kaŭzas la detruemon ate de ni



aŭstralianoj la rilatoj inter ni, la kapitalismaj homrilatoj. Tiuj rilatoj diras, ke ju pli da posedo vi havas, des pli vi povas direkti

la vivon kaj agojn de la neposedantoj. Kaj tio inkluzivas la detruadon de domoj. Laŭ kapitalismo detrui domojn donas al vi pli da posedaĵoj. Ŝajnas nekredebla, ke mortigi domojn estas utila kaj kreas pli da domoj, dum se oni lasus la malnovajn utilajn domojn kie ili estas kaj rajtus konstrui novajn altajn domojn nur en sendomaj lokoj, totale plimultiĝus la nombro de domoj. Sed en nia aŭstralia societo la poseduloj rajtas konstrui novajn domojn ne por havi pli da domoj sed por havi pli da posedaĵoj, kvazaŭ ili bezonas tion.



3. Ĉu aliaj landoj malpli detruemas? Jes, certe. Dum kvindek-kvin jaroj mi estis aŭstraliano kaj dum kvardek jaroj mi estis nederlandano. Kaj kiam mi estis nederlandano, kaj plu, ni ne rajtis mortigi sanan arbon kaj ni ne rajtis mortigo sanan domon. Do dum en Nederlando oni konstruis multege da novaj domoj, la malnovaj domoj ĉiuj ankoraŭ vivas kaj utilas. Alivorte: oni ne detruis belajn aŭ malbelajn domojn utilajn, do oni finis havi pli da domoj. Kaj ankaŭ en Nederlando regas la kapitalismo de poseduloj kaj voĉdonantaj neposeduloj.

4. Kial do ni estas pli detruemaj? Devas ekzisti alia kaŭzo ke ni aŭstralianoj estas pli detruemaj. Mi mense serĉas kaj serĉas la kaŭzon, sed ne definitive trovas ĝin. Eble temas pri kombinaĵo de kaŭzoj. Unue mi konsideras la fakton, ke multaj el niaj antaŭuloj estis krimuloj aŭ malriĉeguloj kaj tial ne interesiĝas pri la vivo aŭ morto de aliuloj, inkluzive domojn. Post tio mi konsideris ke multaj estis orserĉuloj, kiuj ja kutime devas ruinigi terenon por trovi oron. Post tio mi konsideris ke multaj prauloj estis aŭ fariĝis agrikulturistoj, kiuj ja profesie devas detrui por krei sian propran landuzsistemon. Sed tia ĉi detruo okazis ankaŭ en Nederlando, kvankam antaŭ sepcento da jaroj. Post tio mi konsideris la multajn enmigrulojn eŭropajn kaj aziajn. Ili ja tiom alkutimiĝis al siaj propraj historio kaj kulturaĵoj, ke ili ne kapablas vidi la aŭstraliajn historion kaj kulturon kaj facile emas mortigi domojn kaj arbojn nekutimajn.



5. Kelkaj politikistoj dirus: “Nu, se ci ne ŝatas la aŭstralian dommortigemon, retroiru al Nederlando. Nu, eĉ se mi volus, oni rifuzus nederlandanigi min. Krome ĉiuj miaj dekoj da postvenuloj (notu ke la vorto “posteulo” estas kontraŭregula en Esperanto) loĝas en Aŭstralio, eĉ ĉirkaŭ Melburno; mi ne dezirus forlasi ilin. Kaj krome mi ne bezonas mortigi domojn ĉi tie kaj eĉ ĝuas la multajn ankoraŭ ne kapitalismumigitajn. Kaj mi havas ĉi tie miajn amikajn kaj malamikajn Esperantistojn. Kaj la multajn operprezentojn. Kaj ..... ! ? !





Marcel Leereveld.

## Ĉu vi skribis interesan rakonton en nia kara lingvo ?

La legantoj de A.E. tre ŝatus legi ilin. Estas pli ol 300 ricevantoj de AE kaj kelkaj loĝas ekster Aŭstralio. .
Marcel Leereveld montris al vi kiel havi viajn rakontetojn legataj ĉirkaŭ la mondo.

mondeto
Education for Global Citizenship

Mi trovis tiun ĉi konkurson pri rakonto-skribado. Oni verku la rakonton per la angla, aŭ per Esperanto. La temo estas 'vivo en la jaro 2024', tamen oni skribu pri pozitiva estonteco.

Jen la ligo: http://www.mondeto.com/2024.html

Marko Schmidt, NT



## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso de senpaga kafo

Sabaton la 15an de Oktobro venis Roger Springer, Chris Holliss, John Casey, Eunice Graham kai Ian Wylles ★★★★

Rava printempa mateno salutis nin ĉe la Bavarian Bier Kafejo, lastan Sabaton, do pro tio ni sidiĝis eksteren por admiri la havenon.

Eunice paroladetis pri filmo kiun ŝia filino faris dum ŝi plonĝis en Indonezio, mallongan tempon antaŭe.

Jane havas novan subakvan fotilon kiu povas kapti tre kolorite kaj klare la nekredeblajn diversajn vivojn sub la maro tie.. . fiŝojn kaj koralojn ktp.

Ni poste ĝuos rigardi tiun filmon baldaŭ.

Tiam John legadis kelkajn paragrafojn el unu de miaj preferataj libroj "Vagado sub Palmoj". Ni ĉiuj devis konjekti la signifojn de la vortoj kiujn oni ne ofte uzas. Ekzemple:



"Malva ombro stompas la konturojn. " aŭ "Lampiroj suprenflugas en la senmova aero al siaj kuzinetoj el diamanto kiuj gembrilas sur la stelsemita ĉielo."

Estis tre amuza ekzerco.



Certe la bona etoso kaj bela atmosfero de la loko estis ĝojaj.

Chris Holliss

La Infan-junula Koruso Bona Volo omaĝe al Sankta Francisko el Asizo, Patrono de Legio de Bona Volo. Filmeto estas videbla ĉe http://eo.religiaodedeus.org/familio/pregxo-de-sankta-francisko-el-asizo



## 3ZZZ



Kadre de la radiotono Henry ricevis sufiĉe da donacoj por ke ni senprobleme povu daŭrigi elsendi ĉiujn semajnojn. La fina sumo estas $1220.

Koran dankon de la tuta teamo al la donacintoj.

Ni nun esperas ke almenaŭ kelkaj el vi gajnos premion

La kunvokanto por la Esperanto-grupo,

Franciska Toubale